40 Num. Madrido - Majo - 1920 IV Jaro.




ILUSTRITA REVUO MONATA
Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„



S RO HECTOR HODLER †

# Morto de HECTOR HODLER

Tridek-tri jara ĵus mortis nia kara amiko prezidanto de UEA kaj direktoro de tiu ĉi gazeto: Hector Hodler. La perdo estas tiel vasta por nia tuta movado, kaj la profunda doloro tiel kruelbata por ni, ke mankas nun la vortoj por inde priskribi lian noblan vivon. Post dudek jaroj de amikeco, komencita de junaĝo, kiel povas mi ploranta skribi hodiaŭ nekrologion anstataŭ la kutiman ĉiusemajnan leteron al li?

Filo de l' granda pentristo Ferdinand Hodler, nia amiko naskiĝis en Ĝenevo en 1887, kiam lia patro ankoraŭ ne estis tutmonda famulo, sed pene baraktanta artisto, akre kritikata pro la forta originaleco de lia verko kaj malfacile batalanta por la ĉiutaga pano.

Kiam mi dekdujare eniris gimnazion, mi tuj rimarkis tiun novan kamaradon, altan, malgrasan, malriĉan, kun mirindaj okuloj kaj senordaj brunaj haroj kronantaj lian belan grekan frunton. Lia neforgesebla figuro aperis sur pli ol unu pentraĵo de l' patro. Kiam ni kune elkuris el klaso je la kvara posttagmeze, Hector Hodler malgaje rapidis al la patra pentrejo sub tegmento por sidadi aŭ staradi terure senmove dum horoj kiel modelo.

Dum tiu turmento li kutimiĝis je pensado. Tiam li lernis tiun silentemon kaj trankvilecon, kiuj kaŝis sub iom nevarma eksteraĵo la plej senteman koron kaj fervoran animon.

Kiam la patro ne bezonis lin, ni faris kune longajn promenadojn, diskutante kiel knabetoj pri la profundaj misteroj de l' socia vivo. Li estis la pli saĝa kaj la pli multescia. Dekdujare li jam legis tutan Zola!

Unu tagon en 1903 mi alportis en klason Esperantan gramatikon. «Ankaŭ mi jam eklernis la lingvon», li respondis kun brilo en okuloj. Post tri semajnoj ni jam flue interparolis en la nova lingvo kaj decidis fondi klubon kaj ĵurnaleton: «Juna Esperantisto». Unu post unu vendiĝis niaj belaj premilibroj aŭ volumoj de Jules Verne por pagi la eldonelspezojn. La redakcio sidis kvin jaroj sur la sama benko en la fundo de klaso. Dum kiom da lecionoj pri matematiko ni gluis poŝtmarkojn, skribadis adresojn aŭ legadis patrajn leterojn de Profesoro Cart aŭ D-ro Zamenhof!

Hodler jam montris ŝaton je ordo kaj serioza organizo. Ankaŭ li vidigis senpartian ekvilibron. Laŭ lia instigo ni lernis kune «Idiom Neutral» kaj «Bolak» por certiĝi, ke Esperanto estas ja vere la plej taŭga lingvo internacia.

La organizo de la Dua Kongreso alportis novajn spertojn. Hodler speciale interesiĝis je la proponoj de S-roj Rousseau kaj Carles pri Esperantistaj konsuloj. Li insistis pri tio, ke nia movado devas stariĝi sur fundamento samtempe pli idealista kaj pli praktika, organizante reciprokan sinhelpadon inter bonvolaj homoj. Igi la lingvon tuj utila kaj prepari internacian tuthomaran popolon, jen la temo, kiun pristudis lia pensema inteligento. En 1906 la gazeton «Esperanto» li reprenis el manoj de Paul Berthelot kaj redaktis ĝin laŭ tiu tendenco.

Pasis knabeco. Forlasinte gimnazion, Hodler sindonis tute al nia movado. La patro jam ekfamiĝis tra la mondo kaj ebligis sian filon vivi pli libere. Tamen li volus, ke li fariĝu ankaŭ pentristo kaj lin instruis en la arto. Malgraŭ rimarkinda hereda talento, Hector Hodler rezistis tiun tenton al gloro. Li preferis labori por homara celo, sed li helpis sian patron en multaj okazoj kaj sekvis kun fervoro la progresojn de lia arto kaj la diskoniĝon de lia genia verkaro en la diversaj landoj. Li fariĝis por li valora kunlaboranto kaj amiko-konsilanto.

De post 1907 ni havis la ĉagrenon ne plu vidi unu la alian ĉiutage, ĉar la maro nin ofte apartigis. En 1908, dum mi vojaĝadis tra Nordameriko por propagandi nian lingvon tie, Hodler daŭris sian sisteman agadon kaj fondis UEA kun Th. Rousseau. Ĉe nia Kvara Kongreso en Dresdeno 1908 ni ĉeestis la unuan kunvenon de la nova Asocio.

H. Bolingbroke Mudie fariĝis prezidanto, kaj ĝi antaŭeniris rapide. Hodler starigis internacian oficejon en Ĝenevo. La konata Lyon'a kolekto da karikaturaj Esperantistaj poŝtkartoj prezentas lin teksanta mirindan fadenaron telegrafan super la tuta mondo.

La bildo montris prave. Efektive lia pacienco, lia ordo, lia energio kaj sistema laborado donis al nia movado ĝian plej serio-zan ligilon kaj plej fortan konstruaĵon, kiu sukcesis eĉ rezisti la teruran ventegon de l' mondmilito. D-ro Zamenhof ofte diris, ke simile je Einstein, Trompeter kaj aliaj pioniroj de l' malfacilaj tempoj Hodler estis unu el(tioj viroj, al kiuj Esperantismo ŝuldis la plej multe. Lia kreaĵo komencis novan epokon en la movado.

Multaj Esperantistoj memoras lian ĉeeston en diversaj kongresoj. Li ne estis parolema. Li estis modesta kaj senpretenda. Lia tono estis rekta kaj aŭtoritata. Li malŝatis ĉiun frazistecon kaj senutilajn vortojn. Sub lia maniero iom abrupta regis profundaj bonkoro kaj delikateco.

Ĉiumonate en lia ĵurnalo la Esperantistaro legis liajn saĝajn, ĉiam kompetentajn konsilojn. Dum la milito li sciis konservi la estimon kaj amon de ĉiuj samideanoj, montrante la vojon kaj la devon al nova edukado de l' homaro. Liaj artikoloj estis por multaj el ni bonfarantaj radioj kuraĝiga lumo. Ili aperigis ankaŭ mirindan fortecon kaj dignecon, kiun la instruistoj jam admiris en liaj Francaj verkaĵetoj ĉe lernejo. Kiel knabo li jam donis al Esperanto valoran tradukon de «Paŭlo kaj Virginio», kiu restas kiel modelo de bela klasika stilo.

Lingvo kaj argumentoj sonis forte kaj logike sub lia plumo. Ĉiuj sciis, ke oni povas fidi lin, ĉar li ŝatis antaŭ ĉio realajn faktojn. Lia idealismo ne sin nutris el iluzioj, sed el zorga ekzameno de l' ekzistantaj elementoj kaj de l' urĝaj necesaĵoj...

Nun tiu nobla vivo de senlaca laborado haltiĝis subite. Jam de kelkaj jaroj nia amiko devis transloĝiĝi al Leysin sur montaro pro malsano minacanta. Lia edzino lin flegis kaj prizorgis admirinde. Nia samideano Ed. Stettler sindone prenis en siaj manoj la direktadon de l' Centra Oficejo transportita al Berno. Tamen Hodler daŭris ĉiutagan vastan korespondadon, konsiladon kaj redaktadon.

La morto de B. Mudie, de Th. Rousseau, de D-ro Zamenhof kaj de lia patro lin akre dolorigis. Li fariĝis prezidanto de UEA kaj havis novajn zorgojn. Malavare li subtenis la oficejon dum la milito kaj havis la ĝojon vidi la kreskadon de nia movado en tiuj ĉi lastaj monatoj...

Ho ve, la ĉiusemajna letero de nun neniam venos plu. Lia ora koro, lia klara inteligenteco mankos nun al ni plej kruele. La bato estas terura. Nia granda amiko mortis, kaj ni ploras hodiaŭ kun lia korŝirita edzino. La tuta Esperantistaro funebros kun ŝi.

La plumo falas sur la paperon pro ĉagreno. Tamen unu frazon pli ĝi devas skribi: Manon en mano ĉirkaŭ tiu nova tombo ni ĵuru, ke ni fidele daŭros lian taskon, memorante lian edzemplon senŝancelan!

*Edmond Privat*

*
* *

*Detaloj pri la morto de nia Prezidanto*

La sano de H. Hodler ŝajnis pliboniĝi lastatempe, kaj li projektis malsupreniri de l' montaro por ekloĝi apud Montreaux. Li multe korespondadis ĝis la lastaj tagoj kaj estis tre priokupita pri la neceso krei fortan internacian centron en Ĝenevo por propagandi nian lingvon ĉe la Ligo de Nacioj.

Jam frumatene li eklaboris ĉiutage ĉe sia skribotablo. Dimanĉon la 28 marto li ricevis de la presisto la presprovaĵojn de tiu ĉi numero. Dum la nokto li havis pulmodoloron, kaj la edzino vokis la kuraciston. Dum du tagoj li batalis kontraŭ sufoko. Jam mardon li komprenis, ke fino jam venas, kaj li skribis sur papero al D-ro Privat kelkajn liniojn esprimante la deziron, ke oni unuigu la disajn fortojn de nia movado.

Ĝis la lasta momento li pensis pri la estonto de Esperantismo. Adiaŭinte sian edzi-

non, li mortis dum la nokto inter mardo kaj merkredo 31 marto.

Avertite telegrame, S-roj Stettler kaj Privat veturis al Leysin, por esprimi al S-ino Hodler la profundan doloron de la tuta Esperantistaro. La korpo de nia plorata Prezidanto jam alvenis Ĝenevon, kie ĝi estos entombigita post du semajnoj, kiam estos preta la familia ĉerkejo, konstruata laŭ deziro de l' mortinta patro de nia amiko, la pentristo Ferdinand Hodler.

*El «Esperanto» de UEA.*



★

Hispana Esperantisto, je la nomo de hispanaj Esperantistoj, sendas sinceran dolororesprimon al la vidvino, juron pri fidela agado esperanta, pri obstina esperantlaboro senŝanĉela al nia kara Edmond Privat.

---

## Al Kara Mortinto Hector Hodler

Ĉu falis en nin grandega malbeno?
Kiel la MORTO de nove nin batis.
Kaj karulon, kies agojn ni ŝatis,
Rabas al ni? Ho, ve! Kia ĉagreno!
MORTO nelacigebla, sen deteno,
Kvazaŭ ĝian kruelon iu flatis,
La RONDON FAMILIAN ne kompatis;
Faras al ni elprenon post elpreno!
Tre terura al ni la SORTO estas!...
Ĉu TIA SORT' estas puno de DIO?
ESPERANTISTAR' funebre sin vestas,
Ĉu ĜI silentege, sen do orkrio,
Pro tiom da batoj, mortanta restas?
Ne, aŭskultu... «ANTAŬEN SPITE ĈIO!»

*J. J. Franco*

# LA PENTRAĴOJ

DE

# Julio Romero de Torres

*Al S-ro Antonio del Pozo*

Ni interrompu nian vivon komercan per parentezo.

La ciferoj permesu almenaŭ momentojn al la literoj kaj la arta sento kiun ni fiere kredas porti en la koro vivu fojon pli la vivo de l' revo.

En la mondo de la negocoj, por ĉiuj kiuj metas la animon pli alten ol ĉiujn ceterajn ajojn, momentojn al Arto estas kvazaŭ halto sur la vojo de la pasioj, apud la fonto de ĉiaj feliĉoj en kiu la homoj satigas la soifon de l' spirito.

Iam, kiam junaj, la Arto kaptis nin per siaj multenombraj ĉarmoj: la muziko havis por ni la dian harmonion kiun Beethoven la genia donis al siaj verkoj; la poezio, la fluecon ritman de Campoamor kun la melankolio de Bécquer; la pentrarto, la belajn kolorojn de Rubens kaj la majestecon kaj superecon de Velázquez.

Pli malfrue, kiam la realaĵoj de intensa vivo iom post iom montris al ni la malon pri la revoj kaŭzitaj de niaj romantikecoj, ni sentis ĉe ni la realan forton pri alia vivo nova, kaj ni nin lasis fortreni de l' komerca ventoturniĝo kiu ĉion trenas al tiu mondo en kiu oni ĉion kotizigas.

«La tempo estas oro» diris la angloj. «Ne lasu por morgaŭ tion kion hodiaŭ vi povas fari» konsilis la usonanoj. Kaj ni fidele je la kulto al ĉi tiuj maksimoj postulitaj, altruditaj de la maltrankviloj kaj vivnecesoj de l' moderna vivo, dediĉis al ili niajn plej profundan kaj koran idealecon.

***

En la aktiva vivo komerca ni faru parentezon, ni antaŭe diris kaj same ni ripetas.

Hodiaŭ estas tago por la Arto.

Kiam ni nin trovas kontraŭ la pentrajoj de tiu ĉi filo de Córdoba ŝajnas, ke la medio ĉirkaŭanta nin estas plena je mistika supereco: ŝajnas, ke la animo de Córdoba aperas sur la okulojn de la virinoj pentritaj de li, kaj ke tiuj okuloj tiam parolas al ni pri la ĉarmoj de ĉi tiu andaluzia anguleto pli bone, pli elokvente, ol ĉiam faris la plumoj de la plej geniaj poetoj. Kiu ne amas Córdoba'n, vidu ĝin en la pupilojn de ĉi tiuj virinoj ĉiam junaj ĉiam sentemaj, ĉar en ili vivadas ĝi posedanta ĉiujn virtojn kaj ĉiujn pekojn, ĉiujn ĝojojn kaj ĉiujn ĉagrenojn, ĉiujn malamojn kaj ĉiujn amojn.

Ni ne povos juĝi liajn verkojn, ni ne povos koni la meriton de liaj pentrajoj de la arta vidpunkto; sed kiel sinceraj esprimoj pri profunda sento kun kiu identigas nin niaj propraj emoj kaj nia propra temperamento, en la templo de Córdoba, la pentrajoj de Julio Romero de Torres meritas nian plej altan respektegon, ĉar ili kutimigis nin ami kaj ĝui pli ol antaŭe la belecon de tiu ĉi regioneto sultana, adorata kaj adorinda, ĉiutage ju pli kristana ŝia brusto, des pli maŭraj ŝiaj okuloj.

Kiam vagante tra la stratoj, sen difinita direkto, iam dum serenaj noktoj de l' somero, iam dum taggiĝo de printempa tago, ni trairas la Rivera'n, la placon *de los Dolores* aŭ alian ajn lokon el tiuj pentritaj de Julio Romero de Torres, ni sentas kiel se la Arto kisus nin, ni sentas la nostalgion pri la pentrajoj de la genia artisto: «La consagración de la copla», «Las dos sendas», «La saeta», «Las niñas de la Rivera», «La Malagueña», k. c., k. c., ĉar ĉio el li kaŭzas al ni dolĉan emocion.

Hispane verkis,

*F. Serrano Olmo*

(El *Córdoba Comercial.*) (1)

RIMARKIGO DE LA TRADUKINTO

Julio Romero estas unu el ĉefaj hispanaj pentristoj aŭtoro de la fama verko «Cigana Muzo», pentrajo prezentanta kuŝantan belulinon nudan, kiu mirigis la vizitantojn nacian ekspozicion en Madrido antaŭ kelkaj jaroj, pro la realeco, ĉarmo, perfekteco kaj eĉ honesteco de la figuro malgraŭ la nudeco

*Artemulo*

(1) Monata gazeto ilustrita pri komerco, utiliganta Esperanton.

---



---

# SOLU[illegible]O

Mi vagas en valo kun malĝojo ĉiam,
dum herboj kaj floroj odoras.
Mi rigardas ameme la florojn iam,
sed vin..., belulino!, memoras.



Plorinda nun estas la vojeto mia;
al steloj rigardon mi levas:
Ĉu estas ankoraŭ min koreto via
aŭ eble nur vane mi revas?...

*Martti Putaala*



KANTOJ DE ANDALUZIO: LA SAETA

(Kanto kvazaŭ preĝo. Procesio dum Sankta Semajno)

# PAROLADO

**de Jozefo Anglada Prior, ĉe lia akcepto kiel ano de Esperantanaro "Fajro„**

Karaj gesamideanoj:

Unue mi esprimas mian plej sinceran malĝojon pro la perdo de nia bedaŭrinda samgrupano, S-ro Ferdinando Bori, fervora batalanto por nia idealo, kaj fidela esperantisto ĝis la fino de sia vivo. Ke li ripozu pace.

La anoj de tiu ĉi honorinda grupo «Fajro», al kiu mi nun havas la plezuron aparteni, afable devigis min, laŭ kutimo starigita por la akcepto de ĉiu nova ano, legi paroladon en Esperanta lingvo, kian taskon mi alprenas ĉe volonte. Kaj mia parolado ne nur estos farata en Esperanto, sed ankaŭ pri Esperanto kaj Esperantismo, kio, nature, estas ĉiam mia plej ŝatata temo, de tiam, kiam mi fariĝis esperantisto, kaj per tio, krom lerni la lingvon, komprenis mi la novan senton, kiun nia admirinda ideo enhavas.

Mi do temos pri la ecoj, kiujn ĉiu bona esperantisto, laŭ mi, devas posedi, kaj tiaj estas la emoj al lernado, konstanteco, neŭtraleco kaj laboro.

La unua estas kvazaŭ sendivida eco de ĉiu esperantisto, jam de la komenco, ĉar tiam, kiam homo alproksimiĝas al lernejo aŭ aĉetas libron por lerni Esperanton, jam de si men montras ian amon al studo, kaj tion ĉi neniu povas nei. Sed, ve! kiel diris poeto, multaj eniras la templon kaj ne kapablas admiri ties belaĵon, t. e. multaj entreprenas la studadon de Esperanto kaj ne finas ĝin por povi ĝui la belaĵojn, kiujn ĝi prezentas. Kaj kiam homo komencas la studon de Esperanto, oni devas ne nur lerni la alfabeton, sed daŭrigi ĝis la plena studado de la lingvo, kaj precipe ĝis la kompreno de la celo de Esperantismo, tiel majstre priskribata per nia lingvo mem, en la oraj paĝoj de nia Fundamenta Krestomatio, ĉar nia lingvo kaj nia idealo ja meritas tiun ĉi atenton, kaj multe pli.

Ankaŭ por alia afero estas necesa la konstanteco, t. e., por sekvi fidele la Fundamenton de Esperanto, la stilon de nia Majstro, kaj la bonaj intencoj, kiuj gvidis lin studadi ĝis la eltrovo de lia mirinda elpensitaĵo, kaj labori ĝis la konigo kaj enkonduko de ĝi en la homaron. Ekzistas, fakte, iaj homoj, kiaj, ellerninte Esperanton, tiun mirindan lingvon, kiu estas admirita, ŝatata kaj elprovata plene de longaj jaroj, ili imagas al si, ke Esperanto povas esti aĵo pli perfekta, kaj jen, tio plaĉas al mi, tio al mi ne plaĉas, ili ne ĉesas ĝis tute aliformigi la lingvon, kaj prezenti ĝin sub la formo de lingvo nova.

Kaj ne nur mi citos tiun ĉi fakton, kiu montras pli da aroganteco, ol da inteligento, sed ankaŭ tiun de esperantistoj, mi ne kuraĝas diri malbonaj, sed nur senpripensaj aŭ facilanimaj, kiuj ne forlasante la nomon Esperanto kaj ĝian propagandon, enkondukas reformetojn kontraŭ la Fundamento kaj kontraŭ la ĝenerala kutimo, ŝajne forgesante, ke Esperanto ne dependas de ia privata persono aŭ societo, sed, ke ĝi estas poseda de la tuta homaro, laŭ la sindonemo de nia karega kaj bedaŭrinda Majstro, D ro Zamenhof.

Tiuj reformetoj prezentas la danĝeron, unue, kaŭzi malbonan efekton al la lernantoj kaj al la neesperantista publiko, kaj due, per sia daŭrigo, ili prezentas ĥaoson, ĉar ili kaŭzas malfacilaĵojn por la interkompreno, kaj ni devas memori, ke ĉe la lingvoj valoras pli unu funto da kutimo, ol centfunto da scienco. Volu atenti tiuj personoj pri tio, ke Esperanto, kvankam pli logika, ol la naturaj lingvoj, same kiel ĉiu lingvo, ne povas esti absolute logika, ĉar lingvo plene logika ne povas ekzisti. Ni memoru ĉiam, do, ke tiaj reformetoj ne estas pli boniĝoj, sed nur ŝanĝoj, kio volas diri plibonigo por unuj kaj malplibonigo por la aliaj. Volu, do, ĉiam resti fidelaj al la netuŝebleco de la Fundamento, kio estas la sekreto de nia ĝisnuna progresado, kaj mi

opinias, ke se iam Esperanto, pro ĝia progresado havus malamikojn, tiuj ĉi ne uzus kontraŭ ni la glavon nek la pafilon, sed ili elprenus la semon de reformemo, kaj enterigante ĝin en la koron de la esperantistaro konfida kaj senpripensa, puŝus nin al batalado faligonta nin en ĥaoson. Ni, do, estu viglaj kaj disponaj je la plej energia paca batalado kontraŭ la ektuŝo de nia Fundamento, kaj ni pensu, ke se oni volus ŝanĝi brikon de la fundamento de nia domo disfalus kaj mortigus nin. Nature, ke, eĉ se tio ĉi okazus, la neceseco kaj la utilo de helpa lingvo internacia estas tiel granda, ke la homoj ne forlasus la ideon pri lingvo internacia, sed ili denove laborus por restarigi, post la maldolĉa leciono, kiun ili estus ricevinta, domon kun sama formo kaj sur la sama Fundamento.

Granda eraro estas la reformemo, ĉar, kio estus fariĝinta Esperanto, se ne estus estinta la granda respekto de nia Majstro al lia kreitaĵo, kiu iam pro lia sindonemo fariĝis propraĵo de ĉiuj homoj? Memoru la vortojn, kiuj estas presitaj en la antaŭparolo de la Fundamento de Esperanto, kie estas difinita tiu ĉi verko, kiel la sola, unu fojon por ĉiam leĝdonanta pri lingvaj demandoj, kaj kie nia kara Majstro senigas sin mem de la rajto fari ian ŝanĝon en ĝi. Pripensu ankaŭ la vortojn, kiujn li skribis en la antaŭparolo de nova eldono de la Fundamenta krestomatio, dirante, ke trelegante ĝin, li vidis ian esprimon, kiun li estus preferinta pliboniĝi, sed kiun li tamen preferis ne ŝanĝi, ĉar, li diras: «tio estas konvinkita, ke por verko, kiu havas la celon subtenadi unuformecon de stilo inter ĉiuj esperantistoj, severa konstanteco estas multe pli grava ol plena perfekteco, kaj la utilo de la faritaj ŝanĝoj estus multe pli malgranda ol la malutilo, kiun ni ricevus, se mi en ĉiu nova eldono de la Krestomatio volus fari ŝanĝojn laŭ mia plej nova opinio aŭ gusto kaj se ĉiu posedanto de la Krestomatio devus timi, ke nova eldono senvalorigis la malnovan».

*(Daŭrigota)*



## XII.ª Universala Kongreso de Esperanto

Hago, 8-15 aŭgusto 1920

### KVINA KOMUNIKO

*Honora Komitato.*—Aliĝis ankoraŭ:

S-ino W. van Itallie-van Embden, paroladistino pri sociaj kaj etikaj movadoj, en Leiden. Cetere la Sinjoroj:

Edo J. Bergsma, urbestro de Enschedé, liberala Senatano, prezidanto de la Nederlanda Turista Ligo, en Enschedé.

J. Eigenhuis, lernejestro, verkisto, redaktoro de la etika gazeto «Eenheid», en Hago.

Th. de Groen, Industriisto, en Hago.

P. J. de Kanter, skabeno de Dordrecht, prezidanto de la Societo por disvastigo de kono pri Nederlando en la fremdo, en Dordrecht.

Prof. J. F. Niermeijer, profesoro ĉe la universitato de Utrecht, eksterordinara profesoro en la ekonomia geografio ĉe la Nederlanda Komerca Universitato de Rotterdam, en Utrecht.

Hugo Nolthenius, prezidanto de la Nederlanda Vegetara Ligo, eksprofesoro gimnazia en klasikaj lingvoj kaj literaturo, en Laren (N. H.).

F. P. Ossendorp, socialdemokrata parla-

mentano, prezidanto de la Ligo de Nederlandaj Instruistoj, en Amsterdam.

La listo de honorkomitatonoj nun provizore estas fermata; eble aliĝos ankoraŭ kelkaj eminentuloj, kiuj ĝis nun ne respondis la inviton.

*Protestanta Diservo.*—Per la zorgoj de nia samkomitatanino, F-ino N. Boon, Kranenburgwek 9 a, Hago, la Franca aŭ Valona preĝejo, simpla negranda preĝejo en la mezo de la urbo, estas luita je malalta prezo, por Esperanta diservo dum la posttagmezo de Dimanĉo 8 aŭgusto.

*Donacoj.*—Kun multa danko ankoraŭ ricevitaj: de Anonima Societo «Bantool» 100 guldenoj kaj de Anonima Societo «Tandjong Tirto» 100 guldenoj, ambaŭ sidantaj en Hago. Kune kun la antaŭa listo 561.65 guldenoj, el kio fl. 4.65 de eksterlandano.

*Garantia Fundo.*—Ankoraŭ enskribigis sin por I parto de 25 guldenoj S-ro Otto de Beus en Culemborg (Nederlando). Entute 19 enskriboj po 25 guldenoj=fl. 475. Kvankam la kurzo de la guldeno en multaj landoj notas tre alte, ni tamen kuraĝas instigi la eksterlandajn samideanojn enskribi (do *ne* pagi) en la garantia fundo. Nur kiam la kongreso rezultigus deficiton, la garantianoj estos petataj pagi laŭproporcie, sed kiam la nombro de kongresanoj estos preterpasinta 400 (sur kiu la buĝeto estas bazita) la risko je vrava deficito ne estas tre verŝajna.

*Kongres-eldonoj.*—La tre altaj enlandaj preskostoj devigas nin esti tre ŝparema pri kongrespresaĵoj. Tamen ni nun komencas vendi: 1.e Ilustritan poŝtkarton (kun Esperanta surskribo) montrante la kongresejon: la Kavalira Salonego kaj 2.e Glumarkon verde presintan por instigi la samideanojn partopreni. 10 kartoj kostas 50 cendojn, afrankite al eksterlando por 5 internaciaj respondkuponoj. 100 glumarkoj kostas 30 cendojn, afr. por 3 internaciaj respondkuponoj. Mendojn kaj monon sendu al la propaganda komisiono, ĉe S-ro J. Diehl, van Bassenstraat, 27, Hago.

*Pasportoj.*—Por povi eniri Nederlandon, oni nepre bezonas pasporton. Demandoj por pasportoj adresotaj al la plej proksime rezidanta Nederlanda konsulo, kiu trasendas la demandon al la Regna Pasporta Oficejo en Hago, kiu decidas. Oni do ne tro longe prokrastu la demandon.

*Internacia Balo.*—La festkomisiono sukcesis varbi la helpon de l' konata Haga dancprofesoro S-ro W. Weijne por la aranĝo de internacia kostumita balo, ĵaŭdon la 12 aŭgusto, en la salonego de l' Botanika Zoologia Ĝardeno. Nacia danco estos studata. Oni kunprenu siajn naciajn kostumojn.

*Festvespero.*—Ĝi estas fiksita je lundovespere, 9 aŭgusto, en la Urba Teatro. Estos koncerto, alternanta de deklamado kaj kantado.

*Aliĝoj.*—Inter la antaŭa kaj la nuna komuniko nur malmultaj samideanoj enskribigis sin, tiel ke ni prokrastis la publikigon de la 2.a listo de kongresanoj ĝis la 6.a komuniko. Precipe pro la ĝustatempa aranĝo de la enloĝigoj k. t. p., ni ne tro forte povas instigi la samideanojn baldaŭ enskribigi sin kaj sendi siajn kotizojn po 10 guldenoj (*ne* en naciaj ĉekoj, kiuj kaŭzas perdotempon kaj kurzodiferencojn!) al nia banko.

*Korespondado.*—En la lasta tempo diversaj samideanoj petis nin respondi al ili kondiĉojn, novaĵojn, k. c. Ni atentigas ilin, ke al «Esperanto» kaj al la Esperanto-gazetoj de l' tuta mondo, ni ĉiumonate sendas la komunikindaĵojn. Oni pardonu al ni, ke la amaso de laboroj ne permesas al ni ripeti tiuj komunikojn per privata korespondo, kiun oni limigu kiel eble plej multe.

La kongressekretario:

*J. L. Bruijn.*

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn*** JACA (Huesca) *Hispanio. Oni akceptas respondkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn poŝtŝirе.* VARBU SUBTENANTOJN.

# ESPERANTA MOVADO

ENLANDA

Ĉiuj Federacioj kaj Grupoj Esperantistaj sin turnis al Ministro de Publika Instruado petante ke li nomu oficiale Reprezentanton por la XII.ª Internacia Kongreso de Esperanto kaj estas esperinde ke la Ministro komplezu la hispanan Esperantistaron.

Entuziasme la hispanaj Esperantistoj penadas gastigi kiel eble plej multenombrajn infanojn stiriajn kaj hungarajn, krom tio atingi ĉion necesan por tiuj kiuj restos en Aŭstrio kaj Hungarujo kaj por faciligi la aferon estis nomataj ĉiu loke komitatoj en konstanta rilato kun la centra de Zaragozo por unuigi la laboron kaj atingi plej bonan rezultaton. La propagando tiucele estas farata per lokaj ĵurnaloj, propagandfolioj kaj ĉiel eĉ de persono al persono. Esperantistoj de Tarrasa interesigis la urbestraron kiu voĉdonis 1000 pesetojn por la helpo al infanoj.

Grupo «Lumon» de Tarrasa nomis jenan komitaton: S-rojn Sebastian Chaler, Prezidanto; Juan Serra, Sekretario; José Rigol, Vicsekretario; Narciso Casamada, Kalkulisto; Juan Penalva, Bibliotekisto; Adolfo Soldevila, Kasisto.

La Grupo «Juneco» de Santander nomis novan Komitaton: S-rojn Leopoldo Andueza. Prezidanto: Serapio Elvira, Kasisto; José Efrén Pedraz, Sekretario; Angel Iturbe, Vic prezidanto, kaj A. Tomás Iglesias, Vicsekretario. Baldaŭ ĉi tiu Grupo entreprenos diversajn laborojn efikajn por progresigi Esperanton en Santander.

*Barcelona.*— Multenombra kaj distinginda aŭdantaro ĉeestis la noktan kunvenon organizita de la grupo «Fajro», kiu havis lokon la 8.an de la pasinta aprilo ĉe la societo «Gremi Catalá de Propietaris i Industrials» en la kvartalo Gracio.

F-inoj Mario Tondo, Carmen Domingo kaj Mario Rius Feliu legis la «Blinda'n Bovino'n», «La Naskiĝtago'n de Sankta Johano» kaj kelkajn fragmentojn el «La Atlantido» de Hiacinto Verdaguer, katalune, kaj F-inoj A. kaj J. Vilaró Tomás kaj Pilar Molins Tomás iliajn tradukojn en Esperanto, faritaj de la staba kapitano kaj geografia inĝeniero V. Inglada Ors, J. Anglada Prior, kaj la pola poeto Antoni Grabowsky, respektive.

S-roj Gorgues, delegito de UEA, Anglada kaj Rocamora legis siajn Esperantajn paroladojn, de akcepto kiel nova ano de la grupo la dua, kaj de respondo S-ro Rocamora. S-ro Anglada esprimis, ke la kvalitoj indaj je ĉiu partoprenanto en la doktrino internaciigi idiomon, estas: studado, konstanteco, fideleco kaj respektemo al ĉiuj kredoj kaj personoj.

S-ro Rocamora parolis pri la «Senmorteco de la grandaj ideoj k j noblaj sentoj», celante evidentigi, ke nur la ideoj, kiuj senvestigas sin je egoismo kaj kiujn oni propagandas kun neniu espero atingi materiajn profitojn, estas kapablaj vivi eterne en la koro de la nunaj homoj kaj estontaj generacioj, kaj, ke ĉiuj tiuj ĉi kondiĉoj ekzistas en la senmorta kreitaĵo de D-ro Zamenhof, vokota baldaŭ al la solvo de urĝegaj problemoj en la homaro.

Fine, S-ro Serrai kaj D-ro Mer y Güell, kiu prezidis la okazintaĵon laŭ sia eco je prezidanto de G. C. P. I. de Gracio, fermis la kunsidon, eldirante katalune entuziasmigajn vortojn la unua, kaj esprimante la dua la agrablan impreson, vekita ĉe li de la graveco kaj seriozeco de la partoprenantaj elementoj, kaj pro tio, ke li havis la okazon konvinkiĝi pri la alta signifo entenata en la

fakto internaciigi lingvon neŭtralan, por starigi la kunfratigon de la popoloj, kaj la imperion de la universalaj justeco kaj paco sur bazon senŝancelan, pozitivan kaj rezultatfruktodonan.

La kunsido lasos neforgeseblan rememoron al tiuj, kiuj ĝin ĉeestis.

La 17.an de Aprilo okazis en la societo «Paco kaj Amo» parolado, hispane, de S-ro R. Crespo pri «La homa agemeco kaj ĝia celado». Multenombra ĉeestantaro aŭskultis lin. La temo elektita prezentis okazon instigi la aŭskultantojn al konstanta agado por nia afero, tial ke ĝi evidentigis, ke la homo dum sia tuta vivo devas dediĉi sian energion por disvastigo de tio, kion li opinias plej subteninda.

Propaganda parolado de S-ro Jaime Vilaseca, hispane, okazis en la Centro de Gremios la 27.an de Aprilo pri «Esperanto kiel kreanto de progreso». La temo elektita de la paroladinto estis lerte disvolvita. Li parolis pri la diferenco inter la materia kaj la morala progreso. Li priskribis siajn spertojn en Usono, kiuj bone pruvas la neceson kaj la utilecon de helpa lingvo tutmonda; poste li klarigis la rolon, kiun ludis Esperanto dum la monda milito, kiel instrumento svingita de la registaroj de la batalantaj nacioj, por altiri al si la favoran opinion de la neŭtralaj landoj: sed flanke de tio, li diris, ekzistas la ĝusta uzado de Esperanto por la celo, al kiu ĝi estis kreata, kaj kiam en hospitaloj kaj malliberejoj sin renkontis militkaptitoj kaj vunditoj el diversaj reciproke batalantaj nacioj, dank' al Esperanto ili premis siajn manojn frate, kaj antaŭ ĉiu ŝovinismo ili sentis sin homoj, ili interŝanĝis siajn pensojn kaj sentojn, ili rememoris la hejmon, la gepatrojn, la edzinon, la infanojn, kaj ili fariĝis pluaj malamikoj de la homa barbareco. Longa aplaŭdado kronis la verkon de la paroladinto. Ĉirkaŭ 150 personoj ĉeestis.

La 28.an de Aprilo okazis ĉe la grupo Barcelona Stelo la inaŭguracio de aro da ses paroladoj farataj de profesoro Arturo Doménech pri Gramatiko rilate al Esperanto. La celo de tiu ĉi kurseto estas helpi la kreadon de profesoroj de Esperanto.

La 30.an de Aprilo ĉeestis komisiitaro de Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj la grupon Barcelona Stelo, por propagandi pri la dirita Kunveno.

**Pri la Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj landoj. Barcelono 25-30 Junio 1920.**

Por okazontaj laborkunsidoj de tiu ĉi Kunveno, cedis siajn aktosalonojn la societoj «Fomento del Trabajo Nacional» kaj «Ateneo Barcelonés», kaj lia moŝto la Barcelona Universitatestro, D-ro Carulla, la Paranimfon de la Universitato.

La temoj ĝis nun prezentitaj por la dua fako prezentas rimarkindan intereson, tiel pro si mem, kiel pro la intelekta valoro de la paroladontoj.

La komunikaĵo de S-ro Roberto Bassas, advokato, licenciato en filozofio kaj literatura (historia fako), estas «Internaciaj aferoj, internacia juro kaj adekvata kaj sendependa lingvo, kiel organo por esprimi la leĝojn, decidojn, kaj por internaciaj kongresoj».

La distinginda portugalamanto, verkisto kaj advokato. S-ro I. L. Ribera Rovira, priparolos en sia temo «Esperanto kiel ilo por fratigo kaj reciproka interkonsento inter la iberiaj popoloj».

La klera profesoro el la Lernejo de Industriaj Inĝenieroj de Barcelono, S-ro J. Mañas Bonví, donos gravecon al la Kunveno pritraktante la jenan temon «Kiel Esperanto fariĝus interesa al la teĥnikistoj kaj scienculoj, lasante flanke ĝian utilecon sub la aspektoj de homamo kaj ĝenerala interkomunikiĝo».

Estas ankoraŭ aliaj eminentaj personoj, kiuj pretiĝas kunlabori ageme por la sukceso de tiu grandega Unua Diskutanta Kunveno de Esperantistoj de Iberiaj Landoj.

La Komitato kaj Organizaj Elementoj de tiu ĉi Kunveno diskonigas, ke la Oficejoj por laboro, aliĝoj, k. c. estas lokigitaj ĉe la

strato Pelayo, 42, pral. En tiu sama loko estos farata praktika kurso de Esperanto, gvidata de samideano Anglada.

Ankaŭ komencos baldaŭ, gvidata de S ro Rómulo S. Rocamora, praktika kurso de Esperanto, laŭ la direkta metodo, kiun diskonigis la nomo Berlitz, ĉe la societo Gremi Catalá de Propietaris i Industrials.

*Cañete de las Torres* (Córdoba).—Kelkaj junuloj fervore enamiĝintaj je nia belega celo fondis Esperantan Grupon, la 18.an de Aprilo, en tiu ĉi urbo. Oni elektis la jenajn sinjorojn por la direktanta Komitato dum ĉi tiu jaro:

Prez., T. Piñar; Sek., J. Moyano; Kaŝ., D. Menjivar, kaj Voĉodonantoj, J. S. Crespo, J. Cuevas kaj J. Montes. Esperanta kurso estas malfermita ĉe la prezidanto.

Ni gratulas la novajn varbitojn kiuj per sia agado alportas sableron al la nedetruebla monumento de la esperantismo.

*F. S. Olmo.*



## EKSTERLANDA

### *Gravaj Novaĵoj*

S-ro O. Rieck Vicpoŝtdirektoro kaj Del. de UEA petis al germana Poŝtministro malplialtigi la takson por eksterlandaj letero skribitaj esperante kaj la germana Poŝtministro respondis:

«Berlin W. 65, la 24.an de Februaro 1920.
La Poŝtministro.
I[III C. 591.

Al S-ro Vicpoŝtdirektsro O. Rieck.
Greifswald.

La demando pri moderigo de taksoj por eksterlandaj leteroj, skribitaj esperante, verŝajne estos diskutata detale dum la venonta Universala Poŝta Kongreso.

Je la ordono de la ministro, *Ronge.*»

La Kongreso okazas je la proksima aŭtuno en Madrido kaj tial la hispanaj Esperantistoj (Federacioj, Grupoj, kaj izolitaj Esperantistoj) ĝustatempe devas sin turni al Ministro de internaj aferoj petante la samon kaj rimarkigante tion kion la germana ministro diris. La Esperantistoj alilandaj (Grupoj kaj Societoj) devas fari la samon ĉe ili, kaj tial labori por atingi la plej malaltan takson, kio estos sukcesiga por nia afero.



En Rusujo la Sovieta Registaro subtenas kaj helpas Esperanton, kiu rapide progresas. La Sovieta Registaro akceptis oficiale Esperanton kiel lingvon internacian, kaj sur la oficiala ĵurnalo de la Registaro, M. M. Berjencec, Evstifeyev, Jadko kaj aliaj, regule aperigas propagandajn artikolojn pri Esperanto.

La Esperanta Societo de Petrogrado estis rajtigita de la Registaro doni al siaj membroj «gardan ateston» redaktita esperantruse. Posedanto ĉi tiun ateston estas sub la protekto de la tuta Esperantistaro kaj la policistaro sovieta ne povas persekuti kaj aresti lin.

La «Komisararo de la Popolo por la publika Instruado» nomis komitaton por studi projekton celantan fari la instruadon de Esperanto *deviga* en ĉiuj lernejoj de Rusujo, kaj dume la Registaro permesis la instruadon.

La «Unuiĝo de Junaj Komunistoj Rusaj» propagandas Esperanton fervore, kaj la plimulto el ili jam parolas Esperanton.

La 23.an de junio de 1918 onis fondis Komitaton por unuigi ĉiujn rusajn societojn esperantajn kaj ĝi eldonas oficialan bultenon.

En Moscou, la «Domo de Esperanto» estas sendependa konstruaĵo tre komforta kaj arta, gotikstila, kaj ĝi estas sidejo de ĉiuj esperantaj organizoj de Moscou.



Ĵus okazis en Ĝenevo (Svisujo) internacia kongreso de militintoj sub prezido de l' fama franca verkisto Henri Barbusse kaj

mirinda estis la renkontiĝo de soldatoj de malamikaj regnoj, kiuj frate manpremis unu la alian kaj diskutis rimedojn malaperigi militon. Ĉeestis la kongreson delegitoj de ĉefaj Eŭropaj Ŝtatoj reprezentantaj vastajn asociojn de partoprenintoj la lastan militon tutmondan.

La Kongreso decidis, inter la rimedoj por atingi la celon dirintan, tial ke diverseco de lingvoj tre videble ĝenis kaj malfaciligis la diskutojn, «postuli la devigan instruadon de Esperanto en la publikaj lernejoj de ciuj landoj kaj disvastigi ĝian uzadon por ĉiuj internaciaj rilatoj (poŝto, telegrafo, komerco, arto, scienco, k. c.)», kaj ke «post la 1.ª oktobro de ĉi tiu jaro mem la oficiala lingvo de la ĵus fondita Internacia Federacio de militintoj estos Esperanto, kiu estos deviga por la korespondado kaj kongresoj de la Federacio». La proksima kongreso okazos en *Milano* proksiman oktobron.



En Tokio (Japanujo) ĵus oni fondis Japanan Esperanto-Instituton celantan studon, propagandon kaj utiligon de Esperanto.

---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

# ANONCFAKO

Senpaga por la membroj de Zamenhofa Federacio kaj ĝiaj protektantoj

La lernantoj de unugrada kurso esperanta ĉe «Aplec Esperanta Grupo» (Via Masague, 55. *Sabadell*. Hispanujo) akceptas korespondadi kun ekster-kaj enlandaj gesamideanoj per leteroj kaj ilustritaj poŝtkartoj.

---

Jako Claramunt. Mariano Aguiló, 67, Barcelono (Hispanujo).—Deziras korespondadi kun fremduloj por siaj lernantoj. Nepre kaj tuj respondas.

---

S-ro Roberto Maraury, Delegito de U. E. A. Santo Domingo, 8, *Huesca* (Hisp.).—Deziras interŝanĝadi ĉiajn revuojn anglajn (artaj, komercaj, ilustritaj, teĥnikaj) kontraŭ hispanaj. Ĉiam tuj respondas.

---

S-ro Johano Serra, strato Cervantes, 8. *Tarrasa* (Hispanujo).—Deziras interŝanĝi leterojn aŭ poŝtkartojn kun geesperantistoj el ĉiuj landoj.

---

Gerardo Fernández Pérez.—Deziras korespondadi kun esperantistaj tajloroj pri vesttondarto. Str. Cabestreros, 3, 2.°. Madrid (Hispanujo).

---

Fidel Oltra, fotografisto, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi fotografaĵojn pri monumentoj, prin arĥeologiaj antikvaĵoj kaj artaj vidindaĵoj el ĉiuj landoj.

---

Miguel Ribas de Pina, Komandanto de la 10.ª Regimento Artileria, *Huesca* (Hispanujo), deziras interŝanĝi hispanajn ilustritajn gazetojn kontraŭ revuoj (nur ilustritaj) aŭ jam legitaj libroj en Esperanta, Franca, Itala kaj Portugala lingvoj.

---

Antonio Marmol el *Villanueva de las Minas* (Sevilla - Hispanujo), deziras korespondadi p. k. i. kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

Isidoro Díaz el *Tocina* (Sevilla-Hispanujo) deziras interŝanĝi i. p. k. kun fremduloj.

---

S-ro Sidonio Pintado, Bailén, 28, Grupo Escolar. Madrid (Hispanujo). Deziras korespondadi kun geinstruistoj pri pedagogiaj procedoj kaj lerneja movado, tial ke li, kiel redaktoro de grava ĵurnalo, raportos pri tiuj aferoj. Nepre kaj tuj respondos.

---

Juan Calahorra. Strato Balenchana, 3, kvastado (Prosperidad), Madrid (Hispanujo).—Korespondados pri muziko.

---

Adolfo Oberrotman. Varsovio, strato kzak Przedm, 10 (Polujo).—Deziras reprezenti eksterlandajn firmojn por Polujo, Litonio kaj Galicio, pri ĉiuj specaj komercajn informojn pri ĉiuj komerclokoj polaj. Filatelistoj devos sin turdial mi!

---



Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid